15-a jaro. — N-ro 11 (177) Novembro 1929




Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj : L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro :

FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11

ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al :

H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO

JARA ABONPREZO : Fr. 20,—

EKSTERLANDO : Belgoj 5.—

ANTVERPENO

1929

# Belga Ligo Esperantista

**Fondita en 1905.**

Honora Prezidanto: **Princo Leopoldo, Duko de Brabanto.**
(Honora Prezidinto : formortinta Generalo Grafo Leman).

**Estraro :**

Prezidanto pro honoro : A. J. Witteryck, Steenbrugge.
Prezidanto: F. Schoofs, Kl. Hondstr.,11, r. du Petit Chien, Antverpeno.
Vic-prezidantoj : L. Cogen, Dreef, 52, Drève, Ninove.
P. Kempeneers, r. aux Laines, 20, Wolstr. Bruselo.
Ĝen. Sekretario: H. Petiau, St. Lievenlaan, 60, Bd. St Liévin, Gento.
Kasisto : M. Jaumotte, Lage Weg, 254/14, Chemin Bas, Hoboken-Antverpeno.

Direktoro de la oficiala organo : F. Schoofs.

**Komitato :**

**Konstantaj komitatanoj :** Cam. Babilon, L. Champy, M. Elworthy-Posenaer, Fr. Schoofs, Osc. Van Schoor.

**Delegitoj de la Grupoj :**

AALST : Grupo « Pioniro ». — R. De Kegel.
ANTVERPENO : « La Verda Stelo », S. s. p. c. — M. Jaumotte, A. Faes.
BRUĜO : Bruĝa Grupo Esperantista. Yv. Thooris, Ch. Poupeye.
BRUSELO: Brusela Grupo Esperantista. - P. Kempeneers, R. Brihay.
BRAINE-L'ALLEUD : «La Verda Stelo de Brajno ».
CHARLEROI : — Karloreĝa Grupo Esperantista. — A. Henraut.
GENTO : Genta Grupo Esperantista. — H. Petiau, Cl. Van de Velde.
KORTRIJK : Grupo Esperantista. — C. Vanbiervliet, G. Debrouwere.
LIEĜO : Lieĝa Ago ». — E. Oger.
LIERO : Liera Stelo. — Jos Leflot.
LOKEREN : « Durma Stelo ». — A. Roels.
MEĤLENO : Meĥlena Grupo Esperantista. — A. Baesens.
NIEUWPOORT : Esp. Grupo : L. Braet.
SPA : Grupo Esperantista. — J. Desonay.
S-ta NIKOLAO : Grupo « Al Triumfo ». — R. Geerinck.
SCLESSIN-LIEĜO : « Grupo Esperantista ». — J. Bissot.
TIRLEMONT : Grupo Esperantista. — Em. Rodeyns.
VERVIERS : Grupo Esperantista. — Jos Hérion.

**Juĝantaro pri profesora kapableco :**

Efektivaj membroj : F-ino M. Jennen, L. Cogen, Cl. Vandevelde.
Anstataŭantoj : Oscar Van Schoor, A. Henraut, F. Mathieux.

**Gazetara Servo :** F. Schoofs, Edg. De Coster.
**Radio-fako:** P. Kempeneers, Lod. Bas.

**Kotizo :** Fr. 20,— jare, inkluzive abono al «Belga Esperantisto».
**Poŝtĉeko : 1337,67** de Belga Ligo Esperantista.

Por la kroniko : la grupoj bonvolu havigi al ni sian koncizan raporton je la fino de ĉiu monato.

15a JARO N-ro 11 (177) NOVEMBRO 1929.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Direktoro : FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 943.74

Abonopagoj kaj aliaj Monsendoj al : Poŝtĉeko No 1337.67 de BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Konstantaj kunlaborantoj** : M. JAUMOTTE. L. COGEN. W. DE SCHUTTER. S-ino L. FAES H. PETIAU. F-ino R. SPIRA. F ino J. VAN BOCKEL. H. VERMUYTEN.
**Ekspeda Servo** : FR COOL.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

# AL LA ESPERANTISTARO TUTMONDA

## ANTAŬEN ĜIS LA VENKO !

Antaŭ unu jaro, dank' al la afableco de la redakcioj de «Heroldo», «Esperanto» kaj de aliaj naciaj Esperanto-organoj, mi povis publikigi alvokon al la esperantistaro, kun peto, ke ili flankenĵetu ĉiujn disputojn pri bagatelaj aferoj kaj laboradu en tuta harmonio kaj konkordo por antaŭenpuŝadi nian sanktan aferon..

Kun sincera ĝojo kaj dankemeco mi povas konstati hodiaŭ, ke tiu alvoko ricevis bonkoran akcepton. Leterojn mi ricevis el multaj landoj, de konatuloj kaj de nekonatoj, promesantaj subtenon de miaj klopodoj. Tiuj promesoj estas ĉie plenumitaj. Lastan jaron, en Antverpeno, atmosfero de malcerteco kaj suspekto regis super la kongreso, sed en Budapesto ekzistis nur la plej varma kaj sincera amikeco kaj frateco. La spirito de Zamenhof estis inter ni kaj benis niajn laborojn.

La ĵus okazinta Universala Kongreso en Budapesto, samkiel la Antaŭ-Kongreso en Vieno, estis veraj triumfoj, kiuj donos, — ne nur al la partoprenintoj, sed ankaŭ al ĉiuj samideanoj — novan kuraĝon kaj pli grandan entuziasmon. Al ĉiuj kiuj tiel longatempe, pacience kaj lerte laboradis por efektivigi tiujn sukcesojn mi deziras ankoraŭfoje esprimi, en la nomo de la tuta esperantistaro, nian plej profundan dankon.. Ili meritas nian laŭdon, kaj kun ĝojo mi al ili gratulas kaj dankas.

En la daŭro de la pasintaj dekdu monatoj, la bona ŝipo Esperanto veturis sur trankvilaj maroj, sed kvankam ĝi faris bonan progreson, ankoraŭ estas longa distanco inter ĝi kaj la sopirita haveno de niaj esperoj. La ŝipanoj nepre devas laboradi senĉese por gvidi ĝin laŭlonge de rokoj kaj sablaroj, devas provizi ĝin per la necesaĵoj por havigi la potencon veturi antaŭen senhalte. En unu vorto, ni devas havigi pli kaj pli da monrimedoj por plifortigi nian propagandan kason. Mi ne intencas peti de la samideanaro monon hodiaŭ. Mi nur deziras reme-

morigi ilin, ke nia afero dependas de tri faktoroj : laborado, pacienco kaj mono. Laborado sen pacienco ne daŭras longe. Laborado kaj pacienco sen financa helpo ne havigas grandiozajn rezultatojn.

Ne estas necese esti milionulo por fari financan helpon al nia afero. Eĉ la plej malriĉaj povas facile trovi metodon por antaŭenpuŝadi nian lingvon. Ni ĉiuj kredas, ke Esperanto estas unu el la plej grandaj benoj iam donacitaj de la Bona Dio al la homaro, pere de la genio de homo. Tial ni devas esti ĉiam pretaj fari oferojn por sukcesigi ĝin. Kiamaniere? Jen kelkaj sugestoj :

1. — Ĉu vi jam fariĝis ano de via **NACIA ASOCIO?** Se ne, bonvolu pripensi la eblecon senprokraste, ĉar sen via aliĝo la propagando de Esperanto en via lando nepre suferos ! Bona esperantisto estas tiu, kiu helpas laŭ ĉiuj povoj, — ne nur tiu, kiu faras nur publikajn paroladojn. Ĉiu el ni kapablas helpi.

2. UEA jam faris grandajn praktikajn servojn al nia movado ; sed se vi tuj aliĝus al tiu asocio, kune kun mil aliaj samideanoj, UEA gajnus pli grandan potencon kaj kapablas fari eĉ pli bonajn servojn ol antaŭe.

3. Se restas al vi ankoraŭ monrimedoj aŭ se via kas-stato tion permesas ĝenerale, helpu ankoraŭ al aliaj Esperanto-entreprenoj, kiel ekzemple al la subteninda semajna organo «Heroldo de Esperanto» ! Pligrandigo de ĝi signifus plifortigon de nia diversflanka propagando.

4. Fine ne forgesu la **Esperanto**-oferojn por disvastigi bonan kaj utilan literaturon en Esperanto !

Aĉetante seriozajn eldonaĵojn vi praktike helpas al la plenumo de la kultur-tasko de nia lingvo.

Helpu al ni, kaj ni, reciproke, faros ĉion laŭpove por helpi al vi. En Budapesto la ICK esprimis **sian pretecon helpi al la naciaj societoj** rilate la plifortigon de ilia interna organizado. Tial, se en via lando ekzistas malfacilaĵoj, sendu detalojn al ni kun peto — kompreneble oficiala — ke ni zorge ekzamenu la aferon kaj preparu taŭgajn rimedojn el nia pli granda spertado.

Plia afero, pri kiu ICK deziras helpi al ĉiuj estas **organizi universalan demonstracion** en ĉiuj regionoj de la mondo **je la datreveno de l' naskiĝtago de nia majstro.** Ĝis nun diversaj societoj agis laŭ sia propra ideo, sed sen ia komuna celo. Ni devas uzi la okazon por grandioza reklamado pere de la ĵurnaloj, la preĝejoj, la Radio kaj de la propraj kunvenoj. Multaj el vi eble havas bonegajn sugestojn pri tiu ĉi afero. Sendu ilin al ICK (Adreso : Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, 1, Tour de l'Ile, Genève), por ke ni povu elekti la plej bonajn kaj poste transsendi ilin al la diversaj societoj pere de nia gazetaro kaj niaj cirkuleroj.

Mi deziras montri al vi ĉiuj, ke ICK ne estas nur surpapera komitato, sed vere vivanta kaj kapabla centra komitato de la tuta Esperanto-movado, ĉiam preta helpi iamaniere al eĉ la plej malgranda kaj plej malproksima grupeto esperantista. Legu la raporton pri nia agado de la pasinta jaro en la kongresa libro de Budapesto aŭ en la

No.

# 22A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**OXFORD—2 ĝis 9 Aŭgusto 1930—OXFORD**

Adreso por leteroj :

142, HIGH HOLBORN, LONDON, W.C.1, *Anglujo.*

* * * * * * * * * * * * * * * * * *

*Mi subskribint(in)o aliĝas al la 22a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO, kaj por mia Kongresa Karto mi kunsendas la kotizon de 20 ŝilingoj Britaj* per*

*por*

*Familia nomo* (1) *(S-ro) (S-ino) (F-ino*

*Persona(j) antaŭ- aŭ bapto-nomo(j)* (1)

*Profesio* (2)

*Nacieco* (2)

*Strato kaj numero* (1)

*Urbo* (1)

*Provinco* 1 *(Lando)* 2

*Dato :* *Subskribo :*

19

**Skribu plej legeble—prefere per skribmaŝino.**

(1) En nacia lingvo. (2) En Esperanto. **Grave!** Vidu dorse.

*20 Ŝilingoj=proksimume 20 Germ. Rmk., 25 Svis. Fk., 12 Nederl. Guld., 5 Uson. Dol. Oportuna maniero sendi la kotizon estas per Brita Ŝtatbileto por £1 (currency note, one pound) havebla ĉe bankoj en multaj urboj, kaj sendota per registrita (rekomendita) letero.

**Post la 1a de Julio 1930 la kotizo estos 30 ŝilingoj.**

Belga Esperantisto No 11 Nov. 1929 zwischen Seite 192/93

# GRAVAJ KLARIGOJ.

**1.**—Laŭ decido de la Centra Komitato la kotizo por ĉiu Kongresano estas senescepte £1. (**Post la 1a de Julio 1930 la kotizo estos 30 ŝilingoj.**)

**2.**—Ĉiu Kongresano ricevos senpage la dokumentojn de la Kongreso, sed nur post la tago de sia enskribiĝo.

**3.**—Tuj post la ricevo de la kotizo la Loka Kongresa Komitato sendos provizoran karton al la Kongresano. Iu, ne ricevinta en bona tempo sian provizoran karton, estas petata sciigi tion al la Komitato.

**4.**—En konvena tempo ĉiu Kongresano ricevos diversajn mendilojn por loĝado, kongresaj eldonaĵoj, k.t.p.

**Ĉiujn pagojn al la Kongreso oni povos fari per Britaj Ŝtatbiletoj aŭ per Poŝtmandatoj—sendotaj rekte al la Kongresa adreso.**

Printed at the Botolph Printing Works, Gate Street, Kingsway, W.C.2

oficiala dokumentaro pri Budapesto, aperonta post ne longe, kaj vi pli klare komprenos la grandecon kaj diversecon de nia laborado.

En Budapesto ICK havis la privilegion, en la nomo de la tuta esperantistaro prezenti honormedalon al kvar multe estimataj samideanoj kiel dankesprimon por la grandegaj servoj, kiujn ili, en la daŭro de multaj jaroj ,faris por Esperanto. La personoj honoritaj estis Generalo Sebert, Profesoro Cart, s-ro Warden kaj D-ro Privat. La unua jam de longe devis sin deteni de plua laboro pro sia aĝo kaj malsano, sed feliĉe la aliaj ankoraŭ restas ĉe la batalfronto. Mi salutas ilin kaj esperas ke ili estos por vi, same kiel por mi men, ekzemploj kiuj helpos vin fari ĉion en via povo por nia amata kaj alta idealo.

Ni ĉiuj serĉas feliĉon. La plej facila maniero por ĝin atingi estas per servado al ĉiuj, ĉar tiu, kiu faras aliajn feliĉaj, ĉiam ricevas mem feliĉon. Do, laboradu por Esperanto kaj pere de Esperanto via vivo fariĝos riĉa kaj feliĉa.

John MERCHANT,
Prezidanto de ICK.

---

## 22a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

### OXFORD, ANGLUJO

**2 - 9 AŬGUSTO, 1930.**

BULTENO 1. 18 Oktobro 1929.

**Prezidanto de la Kongreso :** Bernard E. Long.

**Vic-Prezidanto de la Kongreso:** Profesoro W. E. Collinson.

**Loka Kongresa Komitato :** Prezidanto : Robert Robertson ; Kasisto : Paul Blaise; Sekretario: C. C. Goldsmith ; Komitatanoj : S-ino M. L. Blaise, F. B. Bourdillon, J. Brennan, R. East, W. A. Gething, J. Merchant, L. N. Newell, F-ino V. C. Nixon, B. A., W. J. Rayson, K. R. C. Sturmer, F. E. Wadham.

**Adreso por leteroj :** Sekretario, 22a Kongreso de Esperanto, 142, High Holborn, London, W. C. 1.

**Aliĝiloj :** Pere de la ĉefaj gazetoj kaj de la Naciaj Societoj. Ili jam estas haveblaj rekte de la kongresa oficejo.

**Kotizo :** Por ĉiu kongresano senescepte : ŝilingoj Britaj : proksimume 20 Ger. or-markoj, 25 Svis. fr., 12 Nederl. guld., 5 Uson. dol. Oportuna maniero sendi la kotizon, estas per Brita ŝtatbileto por £ 1 («currency note, one pound»), havebla ĉe bankoj en multaj urboj, kaj sendota per registrita (rekomendita) letero antaŭ ol la 1a de Julio, 1930. **Post tiu dato la kotizo estos 30/-.**

**Garantia Kapitalo :** La L.K.K. zorge penos eviti ian financan deficiton, sed, por certigi la financojn, ĉi tiu Kapitalo estas fondita.

**Donacoj :** La L.K.K. volonte ricevos donacojn por helpi al plena sukceso de la Kongreso.

**Blindula Kaso** : La L.K.K. akceptas pere de la aliĝiloj, aŭ alimaniere, mondonacojn por ebligi, ke Blinduloj partoprenu en la Kongreso.

**Loĝado** : Detaloj aperos en estonta bulteno, sed la L.K.K. ne garantios loĝejon al iu kongresano kiu ne resendos la loĝmendilon antaŭ la 1a Julio 1930.

**Fakaj Kunvenoj** : Organizontoj bonvolu anonci frue siajn dezirojn.

**Proponoj** : La L.K.K. danke ricevos kaj zorge konsideros fruajn proponojn deklami, kanti, ludi, ktp ĉe Kongresaj Koncertoj.

**Oficiala Organo** : Ĉiu Kongresanoj ricevos la gazeton « International Language » de Januaro ĝis Aŭgusto, kaj poste la numeron, kiu enhavas la raporton de la kongreso. Se kongresano jam abonas « International Language », oni esperas, ke li ne ĉesigos la abonon, sed fordonos la pluan ekzempleron por propagandaj celoj.

---

## ANTAŬKONGRESO EN BELGUJO

Okaze de la 22a Universala Kongreso en Oxford, « Belga Ligo Esperantista » aranĝas antaŭkongreson en Belgujo, al kiu ĝi invitas ĉiujn kongresontojn, kiuj iel havas eblecon trapasi Belgujon.

La aranĝoj permesos al ili la viziton de la du universalaj ekspozicioj organizotaj en Antverpeno kaj Lieĝo je la okazo de la Centjarfesto de la Belga Sendependeco.

La partoprenontoj vojaĝontaj tra Kolonjo, Luksemburgo, Maubeuge, ankaŭ tiuj venontaj tra Nederlando facile kaj rapide atingos Lieĝon, kie oni restos unu aŭ du tagojn ; de Lieĝo ili veturos al Antverpeno, kie ili ankaŭ pasigos unu aŭ du tagojn. De Antverpeno ĉiuj kune veturos al Ostende kaj de tie tra Dover al la kongresurbo.

Belga Ligo Esperantista jam de nun okupas sin por havigi al la trapasontaj kongresanoj de la 22a plej grandajn facilajojn kaj rabatojn koncernante vizon, fervojon k. c.

Pliaj detaloj kaj prezoj aperos en proksimaj numeroj kaj estos komunikataj al la aliaj Esperantaj Gazetoj.

Interesiĝantoj povas jam de nun sin turni al ni.

---

## BELGA KRONIKO

**Antverpeno.** — « **La Verda Stelo** ». — Sabaton la 5an, la membroj havis sian Ĝeneralan Kunvenon monatan. Jaŭdon la 10an malfermiĝis la dua kurso de la sezono. Enskribiĝis por tiu kurso 25 gelernontoj. Kvankam li jus soldatiĝis, la profesoro S-ro Bastiaensen akceptis gvidi tiun kurson.

Sabaton la 12an la salono de « Brasserie de la Bourse » estis plena je membroj venintaj por festi « Hungaran vesperon ». S-ro Schoofs raportis detale kaj sprite pri la bone organizita kongreso universala de

Budapeŝto. S-ro Schroeyers, nia samideano el Liero, membro de « La Verda Stelo » kantis hungarajn popolkantojn, kiujn akompanis sur la piano, S-ino Faes-Janssens. Ambaŭ rikoltis belan sukceson.

La paroladisto, S-ro Schoofs, kiu ankaŭ montris tri filmojn pri Budapeŝto estis aplaŭde dankata de la aŭskultantaro. La sekretario, S-ro A. Faes, speciale gratulis Gerojn Schoofs kaj Vermuyten, S-inoj De Luyck, kaj Landerwyn, S-rojn Fonder kaj Schroeyers kiuj partoprenis la kongreson kaj iris Vienon kaj Budapeŝton .

Sabaton la 19an intima vespero kunvenigis niajn membrojn en « Witte Leeuw ».

Sabaton, la 26an, gramofonkoncerto, organizita en la sekretariejo, donis okazon aŭskulti belajn muzikaĵojn kaj ĝojigis la membrojn per la aŭdigo de amuzigaj diskoj.

La 4 novajn kursojn (2 lernojaroj) organizitajn inter la urbaj vesperkursoj ĉeestas 61 lernantoj.

La 26an de Oktobro okazis en la festsalono de la Normala lernejo por instruistoj koncerto, organizita de Antverpeno Poresperanto Prop. Komitato, je la honoro la diplomitoj el la urbaj vesperkursoj de Esperanto.

En « Flandrema Grupo Esperantista » okazas du Esperanto-kursoj gvidataj de S-ro Jan Van Schoor kaj F-ino Martha Vervloet.

**Bruĝo.** — La 1an de Novembro, la grupo partoprenis la ĉiujaran funebran sekvantaron al la tombejo de la militmortintoj.

La 7an okazis plene sukcesinta propaganda festo kiun ĉeestis S-ro Dervaux, Honora Vicprezidanto de la grupo kun S-rino Dervaux. La koncerta programo estis tre zorge elektita kaj perfekte plenumata de aro da bonvolemuloj kaj talentaj gemembroj. Sed la ĉefa punkto estis la afabla partopreno de S-ro Rombaut, muzikvendisto en Bruĝo, kiu per granda fonografa aparato kaj diskoj « La voĉo de sia Mastro » aŭdigis multaj muzikaĵojn, unu pli belan ol la alia. Li ankaŭ zorgis por la muziko de la dancparto, kiu ne estis la malplej ŝatata parto de la festo.

F-ino Thooris, prezidantino, dankis la ĉeestantaron kaj faris varman alvokon por la nova kurso ĵus malfermota.

La 15an, nova kurso, gvidata de la Sekretario S-ro Poupeye, malfermiĝis por 30 gelernantoj. Tiu bela rezultato donis kuraĝon kaj entuziasmon al la gemembroj.

**Charleroi.** — Novaj kursoj malfermiĝis por 33 gelernantoj. Ili okazas nun ĉiudimanĉe je la 9a matene kaj ĉiumerkrede je la 6a vespere, en la domo de la Korporacioj. Ili estas gvidataj de S-ro Henraut nia mainova amiko, al kiu ni prezentas niajn plej korajn gratulojn por lia bela sukceso.

**Gento.** — Kursoj kaj grupaj kunvenoj okazas ĉiumerkrede, je la 7a vespere en la lernejo St. Pietersnieuwstraat 47-Rue Neuve St. Pierre. La gemembroj estas varme petataj regule ilin ĉeesti.

**Hasselt.** — Dank'al la klopodoj de nia tiea nova samideano S-ro Van Genechten kaj F-ino Adamkova, ĉehoslovaka instruistino en Winterslag, Esperanta kurso baldaŭ malfermiĝos kaj nova grupo stariĝos en la Limburga ĉefurbo. Ni deziras plenan sukceson al iliaj klopodoj.

**Kortrijk.** — La loka grupo malfermis novajn kursojn, kiujn partoprenas 50 novaj lernantoj, kiuj tre regule sekvas la lecionojn, tiel montrante sian intencon ne forlasi la studadon antaŭ la fino de la kurso. La grupo, sekvante en tio la ekzemplon de la societoj « La Verda Stelo », el Antverpeno kaj la Brusela Grupo Esperantista, eldonas ĉiumonatan informilon multobligitan por siaj membroj pri sia interna vivo.

**Liero.** — La loka grupo « Liera Stelo » rekomencis sian agadon per organizo de nova kurso, kiun gvidas nia bona amiko Constant Schroeyers por dudeko da novaj lernantoj.

**Lieĝo.** — La malnova grupo tute restariĝis kun S-ro Kapitano Moncousin kiel prezidanto. Nova kurso baldaŭ malfermiĝos kaj oni ekkomencis la preparadon de nia proksima nacia kongreso.

**Loveno.** — Nia juna amiko S-ro Dewolfs, sekretario de la grupo de Thienen (Tirlemont) helpata de S-ro Dekeyser, malnova samideano, ekssekretario de la estinta grupo en Loveno, klopodas por tie restarigi grupon. Ni povas esperi ke baldaŭ estos afero farita.

**Thienen-Tirlemont.** — La grupo faras bonan propagandon por kurso baldaŭ malfermota.

**Verviers.** — Niaj tieaj amikoj ageme laboras por la sukceso de la novaj kursoj. S-ro Cart prezidanto de la Akademio iros al Verviers la 29an de novembro fari propagandan paroladon kiu okazos sub la aŭspicoj de la urbestraro, kiu oficiale invitis al tiu konferenco la urbajn geinstruistojn. La urbestro, honora prezidanto de la grupo, akceptis prezidi tiun gravan okazintaĵon. Ni deziras al S-ro Cart kaj al niaj Verviers'aj amikoj plej grandan sukceson.

---

## EL LA PROGRAMOJ DE LA GRUPOJ :

**« La Verda Stelo »**, Antverpeno. — Sabaton, la 14an de Decembro, je la 20 h. 30, en « Brasserie de la Bourse », Twaalfmaandenstraat-rue des Douze Mois, la grupo organizos **Zamenhof-vesperon,** je la okazo de la datreveno de la naskiĝo de la elpensinto de Esperanto. La membroj estas invitataj kun sia familio.

Sabaton, la 21an de Decembro, en la kutima kunvenejo « Witte Leeuw » je la 21a horo : Ĝenerala kunveno de la membroj. Diversaj interesaj punktoj staras sur la tagordo !

Sabaton, la 25a de Januaro 1930 la grupo festos la 23a datrevenon de sia fondiĝo, per festeno kiu okazos en la salono de la restoracio « Roi Albert », Stacioplaco. Enskribprezon: Fr. 35,—, sendu de nun al la poŝtĉekonto n° 726.54 de « La Verda Stelo ».

El Radio-Belgique.

# ZAMENHOF-HONORIGO PER RADIO

Mardon, la 17an de Decembro, je la 20 h. 15, nia vicpreizdanto D-ro Paul Kempeneers, faros dekminutan franclingvan paroladon el la stacio « Radio-Belgique ». Post tio sekvos dekminutan koncerton en Esperanto.

La Esperantistoj certe aŭskultos al tiuj parolado kaj kantado, kaj ne forgesos danki la direkcion de la sendstacio, kiu iniciatis kaj organizis tiun manifestacion je la honoro de Zamenhof.

# BELGA GAZETARO

Speciale ni notis la sekvantajn publikaĵojn :

En «Belga-Radio» (Okt.-Nov.) : la dua leciono de la Esperanto-kurso de nia amiko L. Bas. Tiu kurso estas speciale aranĝita por radio-amatoroj, t. e. ke la vortaretoj kaj la ekzercoj rilatas preskaŭ ĉiuj al la T. S. F.-tekniko. Kiel kutime ,tiu numero enhavas resumon en Esperanto, de la enhavo.

En « Schoolbloempje » (3a nº 1929), eldonita de nia prezidanto pro honoro, S-ro A. J. Witteryck, ĉi tiu aperigas Esperantolecionon de 3 paĝoj. Sendube tio faros bonan propagandon inter la instruistaro.

« La Flandre Libérale » 13 Nov.) priparolas artikolon aperintan en grava gazeto amerika, kiu starigis la demandon : « La T. S. F.-stacioj je mallongaj ondoj kunligos ĉiujn naciojn ; internacia lingvo estas do necesa », kaj tuj respondos : « Oni povas antaŭdiri, ke la senfadena telefonio igos la anglan lingvon internacia lingvo », konsiderinte, ke oni ne povas pensi pri alpreno de artefarita lingvo kiel Volapük, Esperanto aŭ Ido (!). Plie, laŭ la amerika gazeto, la angla lingvo estas pli facile lernebla ol kiu ajn artefarita !» Kaj la «Flandre Libérale» malĝojas pro tio, ke nenio estas farata par antaŭenpuŝi la francan lingvon kiel internacia lingvo de radio. Dum tiuj diskutadoj la Esperantistoj simple daŭrigos sian racian laboron por la progresigo de la neŭtra helplingvo Esperanto ; tiu laboro almenaŭ estos konstrua kaj pozitiva.

En Aalst ni notas kun plezuro, ke la gazeto « De Volksstem » regule akceptas komunikojn de la loka grupo « Pioniro ».

Ankaŭ en la gazetoj «Nieuw Limburg» kaj « Les Nouvelles», de Hasselt, ni trovas informojn pri Esperanto.

Laŭ diversaj petoj ricevitaj ni konstatas, ke nia informo pri la publikigo de Esperanto-kurso por infanoj en la gazeto « Na de School » vekis intereson de niaj legantoj. Ni povas nun sciigi, ke la administracio de tiu gazeto decidis donaci specimenan numeron de « Na de School » al ĉiuj niaj abonantoj. Tiu provnumero estos dissendata kun « Belga Esperantisto » de Decembro proksima. Ni estas konvinkitaj, ke tiu ilustrita revuo interesos niajn gesamideanojn eĉ tiujn, kiuj ne havas infanojn.

# GRATULOJ

Al S-ro **Arpad Ronay**, membro de « La Verda Stelo », kiu post studado ĉe la Supera Komerca Instituto de Antverpeno, — sukcesis sian ekzamenon de doktoro en komercaj sciencoj ĉe la Universitato de Lieĝo.

---

# NEKROLOGO

S-ino V-ino De Winter-Bauwens, patrino de Ges-roj Corremans-De Winter, membroj de « La Verda Stelo », Antverpeno, mortis la 15an de Novembro. Ni prezentas al la familio niajn plej sincerajn kondolencojn.

S-ro **Prof. Jan Baudouin de Courtenay**, mortis en Varsovio la 3an de Novembro. Li estis 84-jara. Tiu pola scienculo unu el la unuaj esprimis sian konvinkon pri la ebleco de internacia lingvo artefarita kaj montris malkaŝe sian simpation al la ellaboraĵo de Zamenhof. Li ludis gravan rolon en la iama Delegacia afero. La Belga Esperantistaro klinas antaŭ la tombo de tiu kuraĝa viro kaj sendas al la familio kaj al la Pola sciencularo la esprimon de siaj plej sinceraj kondolencoj.

---

# LA AVENTURO DE SILKA ROBO EN LA JARO 2095

**Antaŭvidaĵo de Tancrède de Visan.**

Tiun tagon, la 27an de Majo 2095, anonciĝis bona por Elieth. ...

La onklino Dupont estis ĵus mortinta.

Tiu nomo: Dupont, apenaŭ rimarkita dum la pasinta jarcento, estis iĝinta unu el la plej famaj de la burĝaro, kaj tre honorata, depost la malapero de la franca aristokrataro transmigrinta al Usono.

Nu, la onklino Dupont postlasis belegan historian bienon en Savojo. Malgraŭ la hered-impostoj, atingantaj en tiu epoko 95 o/o por la parencoj de la tria grado, Elieth tute ne hezitis.

Rapide ŝi volis ekokupi tiun kastelon kaj unue viziti ĝin. Tiel, ŝi obeis al prava scivolemo, ĉar je tiu epoko, domo ekzistanta de unu jarcento estis granda maloftaĵo en la mondo.

La antaŭlasta tutmonda milito, efektive, okazinta post la perforta invado de la flava raso, detruis la duonon de Eŭropo dank' al perfektigitaj iloj ebligantaj ekstermi nacion en la daŭro de sep aŭ ok minutoj.

La domo de la onklino Dupont, kiu staris en regiono sen deponejoj de pafprovizaĵoj, restis, mirakle, netuŝita.

Henriko, la tria edzo de Elieth ,estis ĵus foririnta per sia superperfektigita aeroplano al Moskvo, kie komerca festeno atendis lin.

La juna virino, puŝinte la tutŝtalan pordon de la manĝoĉambro tranĉitan same kiel ŝipfenestreto, enirante tien por manĝkonsumi sian ĉiutagan hemian buleton, prenis sian malgrandan senfadenan telefonon kaj ekkriis al ŝia edzo : Nia onklino Dupont estas feliĉe mortinta. Prenu

min je via reveno kaj ni faros promenadon ĝis Savojo. Ni vizitos la domon kaj estos ankoraŭ revenintaj por aŭskulti la Malgaŝajn horojn, kies unua prezentado okazos hodiaŭ vespere en Montmartro. Mi atendos vin je la 15a sur la teraso de « Moskvaj Galerioj ».

Kiel dirite, tiel farite. Oni foriris.

La alteriĝo estis malfacila. Densaj arbaroj estis kreskintaj sur la regiono de Aix-les-Bains, de kiam fariĝis modo libertempi en la komfortaj palacoj de la Saharo. Fine, la dupersona superaviadilo povis sendifekte alteriĝi sur la farmkorton de la kastelo.

Dum Henriko refaldis ĉe la muro sian biplanon, Elieth, jam vizitis la tutan domon, miregante pri la meblaro, farita laŭ stilo de la tria respubliko, kaj tre bone konservita, miregante antaŭ marmoraj kamenoj, kiujn la moderna arĥitekturo, depost la apliko de elektra varmigado, ne plu uzas. Piĉpinaj ŝrankoj amuzis ŝin, ĉar ĉiuj, kiuj ornamis sian loĝejon, estis el ferbetono. Sed pli ol ĉio, impresis ŝin, tiu somerdomo, konstruita el hakitaj ŝtonoj, kvankam de longe oni faris la domojn nur el fero kaj ŝtalo. Vane Elieth multe ekscitis sian memoron, revokis ŝiajn infanjarojn, neniam ŝi vidis de proksime domon tiel kurioze malmoderna.

Malferminte la tirkeston de stranga juglanda komodo, Elieth pro miro ekkriis. Jen robo. Jes, robo ! kvankam de longtempe la virinoj adoptis la higienan kaj sportan kutimon promeni nudaj, la korpo ornamita nur per malgrandaj desegnaĵoj glukoloraj.

— Venu rapide, ŝi kriis ekridante al sia edzo, kiu staris admirante la tegmenton kovritan per ardezoj, ĉar Henriko neniam vidis aliajn tegaĵojn ol tiujn el neoksidebla zinko .

Malfaldante kun milo da ridindaj mokgestoj tiun restaĵon de la 20-a jarcento, Elieth etendis sur sia pugno tiun silkan muslinon kun rozoj surpresitaj. Delikata arĝenta punto, kun floroj inkrustitaj plibeligis tiun mallarĝegan robon, kiun niaj pravirinoj surhavis je la tempo de la « tom-pusoj », de la mansaketoj el ruĝa marokeno, de la « Mahjong » kaj de la ridindaj malgrandaj aŭtomobiloj nekapablaj superi la rapidecon de 200 km. hore.

—Estas silko, vere, diris Henriko, ja vera natura silko, kiel oni ankoraŭ fabrikis en Lyon dum la regado de iu ministro... Choz, Maŝin... al la diablo, mia historio ! Ha ! jes, iu nomita Herriot, mi opinias. Tio devas esti maloftaĵo.

Antaŭ jarcento ja ,oni konis nur la fabrikadon de la artefarita silko kaj, la kelkaj vestaĵoj, kiujn oni ankoraŭ surhavis dum la vintraj tagoj, estis faritaj el forjetaĵoj de celulozo kaj estis malpligrandigitaj.

— Oni dirus karnaval-vestaĵo. Certe nia onklino Dupont ne plu surhavis ĝin; eble ŝi konservis ĝin kiel memoraĵon pri sia praavino, de kiu mi ekvidas ĉe la muro, la portreton kun mallongaj haroj.

— Kia stranga afero estas la modo, diris Henriko ; nun, la virinoj tute ne plu havas harojn.

Kaj la sama frazo, la tipa frazo, redirita de jarcento al jarcento, eliris el iliaj lipoj :

— Ĉu estas eble, ke oni sin tiel vestis!

La franca lingvo iĝis morta lingvo, Henriko konkludis en sia bonhumora slango : Tamen, tiu ŝtofo aspektas iom distinga.

Ili refermis la pordojn kaj antaŭ ol reflugi, ili donis la robon kiel novjaran donacon al la filino de la farmistino, kiu sin ĵus pretigis por turni la helicon.

Tiu juna fraŭlino, la lasta infano de farmisto-milionulo, ne volis imiti siajn pliaĝajn fratinojn, kiuj iĝis pordistinoj en direkteblaj multetaĝaj balonoj, au vartistinoj en Jokohama. Ŝi restis trankvile kun siaj gepatroj en tiu farmodomo en Savojo, kie ĉio, de la melkado de bovinoj, ĝis la akuŝado de la bovidoj, kaj la bredado de la porkoj, estis farita per elektro.

Nenio estis pli gracia ol vidi Marion — ŝia nomo estis Mario — la kruroj pentritaj per aranea desegnajo — ĉar oni ne plu surhavis ŝtrumpojn — kaj piedvestita per antilopaj broditaj ŝuoj, anstataŭ lignoŝuoj, turni la komutilon, legante malnovan tezon pri la Dadaista Klasikismo, kaj prezidante sen peno la mekanikan fabrikadon de trufaj kolbasetoj faritaj el retrovitaj restaĵoj.

Mario trovis ridindega la donacon de Elieth. Tiu robo, kies infana dekolto permesis nur vidi parton de la dorso kaj duonon de la brusto, metis ŝin en la plej nebridebla gajeco.

Tial ŝi tuj interŝanĝe donis ĝin al iu oficisto de la « Kulturisto el Kaifa », kiu ĵus pasis sur sia aerĉareto, kontraŭ bileto de kantanta kinematografo ĉe aera cirko, instalita sur la ebenaĵo, kun ĝiaj direkteblaj loĝveturiloj.

Bonfaro neniam estas perdita. Robo same.

Tiu ĉi robo, revendita al tre prospera societo de brokantaĵoj, estis ekspedita al Tombuktu, kie la indiĝenoj, kiuj ĉiam malfruas je kelkaj jarcentoj laŭ la civilizacio, komencis vestiĝi kaj serĉi la malhelajn ŝtofojn. Eleganta negrino aliigis ĝin je kombinajo.

Post kelkaj jaroj, konservisto de la ŝtofmuzeo de Lyon estis misie sendita de la Komerca Ĉambro sur la Nigerbordoj por kompletigi kolektarojn de malnovaj ŝtofoj kaj precipe de pianvestoj, ĉar ĉi tiuj, depost la eltrovo de la grandaj aŭtomataj orkestroj fariĝis maloftaĵoj.

Li eksloĝis en Negruja Hotelo.

Iun matenon, kiam li oscedis antaŭ la palaco, li ekvidis junan komisiiston de la Afrika Bar, kiu purigis sian helikopteron per delikata ĉifono, ĉe kiu estis videblaj ankoraŭ kelkaj eroj de arĝenta punto.

Li aĉetis ĝin por kelkaj gramoj da sintetika radiumo, iĝinta senvalora, lerte purigis ĝin, kaj, je lia miro, aperis tuta peco de silka muslino miksita per metafadenoj, prezentanta hindan desegnaĵon ; presita rozo finis velkiĝi.

Ekzaltite pro sia trovaĵo, la konservisto rapide sendis tiun sensimilan aĵon al la muzeo, kie, la fremduloj iras multnombre ĉiutage admiri ĝin.

Tiu restaĵo el malnova tempo, de kiu nun ekzistas nur tre malmulte

# Por la Esperanto-Librotago

**15 DECEMBRO**

***Por honorigi nian karmemoran Majstron kaj akiri puran Zamenhofan stiion oni ellernu liajn Verkojn***

| | Fr. |
|---|---|
| ***Fundamentaj Verkoj.*** | |
| FUNDAMENTO DE ESPERANTO. Antaŭparolo, Gramatiko, Ekzercaro, Universala Vortaro. *Eldono kvinlingva* (franca-angla-germana-rusa-pola). Unu volumo in 16, XI + 184-paĝa. . . . | 8 |
| Eldono Flandra. . . . . . . | 5 |
| FUNDAMENTA KRESTOMATIO. Ekzercoj, Fabeloj kaj Rakontoj, Artikoloj pri Esperanto, Poezio. Unu volumo in-16, 460-paĝa . . . . . . . . | 20 |
| LINGVAJ RESPONDOJ (PLENA KOLEKTO). Unu volumo in-8, 94-paĝa . . . . . . . | 10 |
| PROVERBARO ESPERANTA, laŭ la verko "Frazeologio rusa-pola-franca-germana", de M. *F. Zamenhof* (1232 proverboj). Unu volumo in-8, 82-paĝa . . . . . . | 10 |
| ***Tradukoj.*** | |
| FABELOJ DE ANDERSEN. Unua volumo in-8, 152 paĝa. Dua volumo in-8, 154-paĝa . . . . . . | 12 |
| GEORGO DANDIN, komedio en 3 aktoj, de *Molière*. Unu volumo, in-8, 52-paĝa . . . . . . | 6 |
| HAMLETO, tragedio en 5 aktoj, de *Shakespeare*. Unu volumo in-16, 170-paĝa . . . . | 10 |
| IFIGENIO EN TAŬRIDO, dramo en 5 aktoj, de *Gœthe*. Unu volumo in-8, 108-paĝa. . . . . . | 12 |
| LA RABENO DE BAĤARAĤ, de *Heine*; LA GIMNAZIO, de *Ŝalom Alejĥem*. Unu volumo in-8, 68-paĝa . . . | 8 |
| LA RABISTOJ, dramo en kvin aktoj, de *Schiller*. Unu volumo in-8, 144-paĝa . . . . . . . | 12 |
| LA REVIZORO, komedio en kvin aktoj, de *N-V. Gogol*. Unu volumo in-8, 100-paĝa. . . . . . . | 12 |
| MARTA, rakonto, de *Elisa Orzeszko*, Unu volumo in-8, 237-paĝa | 20 |
| LA BATALO DE LA VIVO, de *Ch. Dickens*, Unu volumo in-8, 88-paĝa . . . . . . . . | 12 |

**Por sendokostoj oni aldonu 10 %**

*MENDU ĈE*

**BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, K. S.**

**11, rue du Petit Chien, ANVERPENO, Kleine Hondstraat, 11**

*aŭ oni pagu (se eble) per poŝtĉeko al No 168958 de*

**BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, K. S.**

**Agu Praktike !**

Skribu vian mendon sur la **kupono** de la poŝtĉeka pagilo aŭ transpagilo.




## UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**Belga Teritorio.**

Mi insiste petas al ĉiuj membroj de U. E. A. en Belgujo, ke ili pagu senprokraste sian kotizon al la Delegito de sia loko, aŭ-se tia ne ekzistas — al mia poŝtĉekkonto nº 284.20. Ili memoru, ke post la 31a ili ne plu rajtos ricevi la specialan premion de frua pago.

Por Belgujo la prezoj de la kotizoj restas fiksitaj je : Membro Fr. 16.— ; Membro-Abonanto Fr. 40.— Membro-subtenanto Fr. 175.—.

Ĉiu frua paginto povas elekti unu numeron el la jena listo :

1. Hector Hodler : Lia vivo kaj lia verko ; 2. D-ro Ad. Ferrière : Estonta Eduko; 3. Raymond Schwarz : Verdkata Testamento; 4. Katolika Preĝareto. — La Origino de la Religio ; 5. La Nova Testamento ; 6. John Merchant: Tri Angloj Alilande; 7. Novaj Homoj kaj Novaj Vojoj. — Hebrea Progreso en Palestino. — Internacia Konferenco Paco per Lernejo.

Por kuraĝigi la varbadon la Asocio konsentas sendi premion al ĉiu persono, kiu varbas novan anon. Sekve oni rajtas elekti unu el la sekvantaj volumoj :

Por nova Membro :

A. Fundamento de Esperanto kvinlingva ; B. D-ro Zamenhof : Lingvaj Respondoj ; C. Komercaj Frazoj. Robert Kreuz ; D. Kolekto de Turismaj presaĵoj, gvidfolioj; E. Camescasse: Inicado Matematika; F. Verax : Elementa Fotografa Optiko.

Por nova Membro-Abonanto :

1. Ŝlosilaro de Esperanto (15 broŝuretoj); II. Kreuz kaj Mazzolini : Komerca Vortaro; II. Dreves Uitterdyk : Miraklaj Aventuroj de Sinjoro Longkrurulo.

La Ĉefdelegito :
Fr. SCHOOFS.

PENTEKOSTO 1930

! LIEĜO !

19a Belga Esperanto-Kongreso

# Nederlandsche

# Gist-& Spiritusfabriek

**(Nederlanda Fabriko de Fermento kaj Alkoholo)**

ANONIMA SOCIETO

Societa Sidejo : **DELFT (Nederlando)**

Fabrikejo : BRUGES-BASSINS (Belgujo)

Filioj : BRUSELO kaj HUY (Belgujo)

**Produktaĵoj :**

Reĝa Fermento

Alkoholo kaj Brando

Eldistilaj Rekrementoj

**Fako "Fermento kaj Rekrementoj" : Bruges-Bassins**

**Fako "Alkoholo kaj Brando" : 378, Av. Van Volxem, Bruselo**

**Telefono :** Bruges N° 8 & 908, Bruxell. BR. 8338, Huy N° 40 — **Telegr. :** Bruxelles, Bruges, Huy — **"Gistfabriek"**

(104)

S.D.

da specimenoj, ornamas unu el la paneloj de la dua dekstra ĉambrego, kalkulante el la norda direkto, kaj estas videbla sub la numero 137, kun la jena noto :

NATURA SILKA SKARPO, PER KIUJ LA POPOLOJ DE OKCIDENTA AFRIKO, EN LA PRATEMPOJ, ORNAMIS SIAJN MUZIKILOJN NOMITAJN VOSTPIANOJ.

VALORA MALOFTAĴO.

El « La Soierie » (Lyon). Tradukis Ch. Lavisse.

---

# LA SENDSTACIO "RADIO-BELGIQUE"

La 23an de Novembro la belga sendstacio eniris sian sepan ekzistjaron. Je tiu okazo ĝi disaŭdigis je tiu tago paroladeton en Esperanto pri ĝia historio. El tiu paroladeto farita de nia samideano D-ro Paul Kempeneers, ni ĉerpas la sekvantajn detalojn.

La stacio « Radio-Belgique » estis inaŭguraciata la 23an de Novembro 1923 de S-ro Neujean, tiama ministro de fervojoj, poŝto kaj telegrafo. Ni aldonu, ke kelkajn tagojn antaŭ tiu inaŭguracio. Lia Reĝa Moŝto longtempe vizitas la instalaĵojn de la stacio kaj subskribis ĝian Oran Libron. De sia kreado, Radio-Belgique senĉese plibonigis la artan kaj literaturan kvaliton de siaj programoj.

Oni scias, ke la literaturan fakon de Radio-Belgique estras S-ro Theo Fleischman, kiu i.a. kreis antaŭ tri jaroj la Parolatan ĵurnalon de R. B. Ĝi klopodas doni dum tridek mniutoj ĉiujn novaĵojn de la mondo kaj de la tago, kaj ricevis, tiom en Belgujo, kiom eksterlande, plej flatan kaj merititan sukceson.

Oni ankaŭ scias, ke la muzikan fakon de Radio Belgique gvidas S-ro René Tellier, profesoro ĉe la Konservatorio de Bruselo.

Ni ne povas priparoli ĉiujn efektivigojn de R. B. Ni nur atentigos speciale pri la radiodisaŭdigoj kaj parolataj raportoj, ofte prezentataj de la stacio al siaj aŭskultantoj. Ili, dank'al la disaŭdigoj havis okazon aŭskulti plurajn koncertojn ludatajn, ne nur en Belgujo, sed ankaŭ eksterlande. La parolataj raportoj ebligis al ili ĉeesti, nur per orelo, kompreneble, multajn okazintaĵojn. Inter la lastaj raportoj aranĝataj de Radio-Belgique ni citos tiun pri la alveno en Bruselo de S-ro Doumergue, Prezidanto de la Franca Respubliko.

Radio-Belgique intencas multobligi tiujn raportojn, kiuj estas unu el la plej vivantaj kaj pitoreskaj formoj de ĝia aktiveco.

Fine, estas notinde, ke R. B., okaze de la sesa datreveno de sia fondiĝo, aranĝas dum la venonta monato, do en Decembro, kun la kunlaborado de la brusela sekcio de la Asocio de la Belga Gazetaro sensacian koncerton. Tiu koncerto, pri kies programo estos konigataj poste ĉiuj detaloj, estos ludata en la Palaco de Bel-Artoj de Bruselo, je la profito de la Interhelpa kaso de la Belga Gazetaro.

# BONHUMORO

**Neplibonigebla.**

Li estis ebriulo kaj pro tio lia edzino multe suferis, ĝis kiam liaj amikoj trovis rimedon por resanigi lin el lia drinkemo.

Iun nokton li, kiel kutime, fordormigis sian ebriecon ; ili portis lin al tombejo kaj atendis lian ekvekiĝon.

Unu el ili fantome sin alivestigis.

Fine li vekiĝis kaj ekvidinte la fantomon li demandis.

Kie mi estas ? Oni respondis : en la infero.

En la infero demandis la ebriulo.

Jes, je puno de via drinkado.

La viktimo iomete pripensadis kaj subite demandis. Kiom longe jam vi estas ĉi tie ? Tri cent jarojn. — Tri cent jarojn, rediris la ebriulo, Tiam vi pli bone konas la vojon ol mi ; tuj alportigu glaseton da brando. (Trad. C. Vanbiervliet.)

---

Sinjorino de Z... petis hieraŭ al sia edzo novan tualeton.

Sed, bona mia amikino, li respondis, estas jam la kvara de unu monato, kaj ci komprenos...

— Ci igos min morti, interrompis sinjorino, singultante, kaj ci konstatos ja ke mia enterigo kostos multe pli kare ol robo.

— Tio estas ebla, trankvile rediris la edzo, sed tio estos elspezo nur unufoje farota.

---

Barono de Lanosse iras viziti la junan Atalion. Li trovas ŝin ploregantan.

— Kio estas al ci, kara infanino mia ?

— Ho ! Mi havas sufiĉe de tiu vivo, diras la etulino ; mi volas morti : donu al mi mil frankojn por aĉeti karbon...

---

Singardo. — Patrino. — Kisu la sinjorinon, karulo mia !

La Bubo. — Ĉu ŝi estas kupoksigita ?

---

La propraĵulo. — Mi havas du ĉambrojn por ludoni je dekkvin ŝilingoj por ĉiu semajno. Sed mi toleras nek kanton, nek hundon, nek gramofonon, nek laŭtparolilon, nek infanojn...

La luprenonto. — Ne ! Nenio el ĉio tio. Sed mi havas paron da ŝuoj iom kraketantaj !...

---

Oficisto. — Mi volus akiri pli grandan salajron pro du motivoj.

Patrono. — Kiuj ?

Oficisto. — Dunaskitoj !

---

Miss Rolly (kvardekkvin jara). — Ĉu vi memoras, Sinjor' John: Kiam mi estis dudekjara vi volis edziĝi je mi kaj... mi rifuzis !

Sinjor' John (Malnova admiranto). — Certe, fraŭlino kaj tio estas unu el miaj plej agrablaj memoraĵoj junecaj !

# DIVERSAJ INFORMOJ

La **Komercista Esperanto-Unio,** kiu havas sian sidejon en Dresdeno, eldonas laŭbezone bultenon « La Komercisto », kiu enhavas tre interesajn informojn por komercistoj seriozaj. La unio ankaŭ dissendas katalogojn kaj prezarojn. Lasttempe ni ricevis la numerojn 10 kaj 11 de la suprecitita bulteno kun diversaj katalogoj kaj prospektoj inter kiuj kelkaj en Esperanto. La adreso de la K. F. U. estas : Friedrich-Auguststr. 4, Dresden-Radebeul.

La **Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado,** en Genève, transloĝiĝis en pli vastspacan oficejon. La preciza adreso estas nun : 1, Tour de l'Ile, Genève (Svislando).

La **Itala Esperanto-kongreso** okazis en Udine. Oficiale reprezentigis sin la Ministerio pri Aerveturado, la universitatoj de Triesto kaj Perugia, la urboj Milano kaj Udine kaj la Ruĝa Kruco. La Reĝo de Italujo ankaŭ sendis al ĝi sian aliĝon.

La **Hispana Esperanto-Asocio** organizis sian 8an nacian kongreson en Oviedo, kies honoran prezidantecon akceptis Lia Reĝa Moŝto de Hispanujo. Ĝi ankaŭ akiris de la Ministerio de publika Instruado subvencion de 1500 pesetoj.

La Honora Sekretario de **Nov-Zelanda Esperanto-Asocio** ricevis la informon ke la formortinta S-ino Ensom, el Christchurch, rezervis kaj donacis sumon de £ 500 por la starigo de klasoj kaj por la instruado de Esperanto en la citita urbo.

« **En Okcidento nenio Nova** », la libro kies Esperantlingva eldono baldaŭ aperos, kostos : broŝurite Fr. 43,— (Rm. 5,—), bindite Fr. 60,— (Rm. 7,—). Mendu ĉe « Belga Esperanto-Instituto », 11 Kleine Hondstraat, Antverpeno ; poŝtĉeko n° 1689.58. Ĉe la sama adreso oni povas ankaŭ mendi ĉiujn librojn anoncatajn per nia rubriko « Bibliografio ».

---

## LA TRAFIKO EN LA HAVENO DE ANTVERPENO

Dum la monato Oktobro alvenis 981 marŝipoj kun entute 2.064.574 tunoj. Pasintan jaron en la sama monato alvenis 959 ŝipoj kun 2.003.956 tunoj. Tio estas do plialtigo de 22 ŝipoj kaj 60.618 tunoj. Por la 10 unuaj monatoj de la jaro la plialtigo estas 383 ŝipoj kun 908.212 tunoj. La mezcifera kapacito estis po 2105 tunoj.

Inter la alvenintaj ŝipoj estis : 401 anglaj, 191 germanaj, 77 belgaj, 72 nederlandaj, 42 norvegaj, 42 francaj, 31 danaj, 51 svedaj, 17 usonaj, 12 grekaj, 9 finlandaj, 8 italaj, 6 japanaj, 5 rusaj, 5 hispanaj.

---

# ESPERANTO RIMVORTARO (Kvina parto)

arahis
kis
turkis
alis
palis
melis
sifilis
amarilis
polis
surplis
splis
kulis
premis
kompromis
kumis
penis
tenis
laŭntenis
lapis
jaspis
berberis
fris
iris
kopris
isatis
otis
angvis
svis

### ISK

laŭcisk
disk
fisk
konfisk
obelisk
bazilisk
menisk
risk
visk

### ISM

judaism
arhaism
lamaism
abism
ostracism
solecism
galicism
anglicism
katolicism
fetiĉism
sedism
deism
hebreism
teism
ateism
politeism
panteism
monoteism
sofism
pacifism
paralogism
silogism
neologism
katehism
anarhism
diism
katolikism
lirikism
eklektikism
mistikism
skism
alism
kanibalism
idealism
realism
provincialism
socialism
imperialism
materialism
lojalism
rojalism
radikalism
nominalism
racionalism
liberalism
federalism
naturalism
fatalism
orientalism
dualism
individualism
spiritualism
mutualism
Anglism
nihilism
utilism
kataklism
alkoholism
somnabulism
dinamism
eŭfemism
pesimism
optimism
atomism
organism
mehanism
presbite-
rianism
republikanism
germanism
humanism
puritanism
kristanism
galvanism
helenism
jansenism
feminism
determinism
latinism
libertinism
ŝovinism
antagonism
lakonism
anakronism
daltonism
komunism
egoism
rism
barbarism
vegetarism
parlamen-
tarism
ekvilibrism
empirism
krism
aforism
prism
epikurism
turism
anevrism
paroksism
astigmatism
reŭmatism
konservatism
pietism
asketism
magnetism
prozelitism
spiritism
Esperantism
romantism
protestan-
tism
idiotism
patriotism
hipnotism
nepotism
despotism
absolutism
slavism
atavism

### ISP

krisp

### IST

-ist
cist
publicist
buddist
deist
ateist
panteist
pacifist
[illegible]fist
gist
hist
katehist
diplomatiist
kist
skist
list
balist
rojalist
nacionalist
racionalist
naturalist
dualist
solist
pesimist
optimist
humanist
genist
helenist
feminist
ŝovinist
antagonist
protagonist
komunist
egoist
pist
empirist
krist
Antikrist
humorist
epikurist
jurist
turist
asist
insist
konsist
persist
batist
statist
anabaptist
pietist
ametist
spiritist
Esperantist
kazuist
vist
rezist
ekzist

### ISTM

istm

### ISTR

bistr
distr
magistr
registr
filistr
ministr
administr
tornistr

### IŜ

fiŝ
afiŝ
kliŝ
tapiŝ
viŝ
derviŝ

### IŜT

filiŝt
piŝt

### IT

-it
it
debit
albit
orbit
subit
cit
antracit
recit
apendicit
deficit
incit
fagocit
ekscit
alucit
medit
kredit
akredit
diskredit
bandit
komandit
hermafrodit
budit
grafit
mefit
konfit
neofit
profit
agit
limfangit
laringit
malakit
bronkit
skit
moskit
lit
kvalit
blit
karmelit
satelit
prozelit
glit
milit
teodolit
akolit
monolit
kosmopolit
aerolit
poplit
split
mit
dinamit
semit
stalagmit
imit
kompromit
ermit
termit
intermit
amanit
granit
adenit
zenit
lagnit
inkognit
infinit
melinit
ebonit
akonit
amonit
precipit
okcipit
spit
rit
sibarit
blefarit
Brit
merit
emerit
preterit
difterit
frit
nefrit
pirit
spirit
hipokrit
Sanskrit
sprit
busprit
artrit
aleŭrit
pleŭrit
transit
paraŝit
apetit
stalaktit
prostit
ĉirkuit
pituit
jezuit
gravit
Sankta Vit
evit
civit
gingivit
konjunktivit
kvit
biskvit
invit
ŝvit
parazit
hezit
vizit
rekvizit

### ITM

ritm
logaritm

### ITR

arbitr
citr
litr
elitr
dekalitr
decilitr
centilitr
kilolitr
mitr
nitr
ĉapitr
akcipitr
pupitr
titr
vitr

### IV

-iv
naiv
gingiv
ogiv
arhiv
saliv
dekliv
oliv
driv
deriv
masiv
pasiv
lesiv
posesiv
defensiv
ofensiv
intensiv
kursiv
inklusiv
eksklusiv
dativ
sedativ
negativ
prerogativ
iniciativ
paliativ
indikativ
vokativ
ablativ
relativ
korelativ
superlativ
spekulativ
nominativ
alternativ
komparativ
imperativ
recitativ
optativ
stativ
konservativ
akuzativ
primitiv
genitiv
definitiv
infinitiv
transitiv
sensitiv
pozitiv
aktiv
retroaktiv
elektiv
objektiv
subjektiv
adjektiv
kolektiv
respektiv
perspektiv
retrospektiv
detektiv
fiktiv
subjunktiv

konjunktiv
produktiv
substantiv
motiv
lokomotiv
votiv
stiv
ŝtiv
diminutiv
viv
semperviv
inciziv

IZ

-iz
iz

maiz
haŭbiz
akciz
preciz
kokciz
konciz
ekzorciz
ĉiz
paradiz
kateĥiz
markiz
skiz
aliz
lokaliz
analiz
kanaliz

paraliz
centraliz
valiz
mobiliz
civiliz
elektroliz
ĉemiz
remiz
komiz
petromiz
niz
aniz
organiz
vulkaniz
galvaniz
kanoniz

piz
riz
polariz
sekulariz
emberiz
ĉeriz
meriz
karakteriz
kaŭteriz
friz
griz
helihriz
iriz
gliciriz
koriz
surpriz

elektriz
koksiz
aklimatiz
magnetiz
ftiz
citiz
kotiz
ekspertiz
amortiz
mestiz
viz
aviz
deviz
reviz
proviz
improviz

---

# O

O

-o
bo
do
ho
io
ĉio
tio
kio
nenio
tio
alo
po
karo
hero
pro
tro
benzo
paleozo
protozo

OB

hidrofob

lob
glob
rob
karob
mikrob
aprob

OBL

-obl
nobl

OBR

sobr
Oktobr

OC

negoc
groc

OĈ

diboĉ
pioĉ
poĉ

broĉ
kroĉ
riproĉ
kartoĉ
voĉ

OĈJ

oĉj

OD

od
eŝafod
pagod
period
jod
kod
lod
renklod
eksplod
mod
komod
akomod
nod

cinod
aknod
antipod
klopod
rod
brod
korod
sod
rapsod
katod
metod
leontod
vojevod
epizod

ODL

modl

OF

hipertrof
strof
katastrof
apostrof

sof
tof
stof
ŝtof
filozof

OFL

pantofl

OFR

kofr

OFT

oft
okshoft

OG

dog
buldog
pedagog
demagog
sinagog
log

dialog
dekalog
analog
katalog
eglog
epilog
arĥeolog
teolog
grafolog
sociolog
psikolog
filolog
homolog
promolog
monolog
apolog
nekrolog
prolog
astrolog
patolog
paleontolog
egiptolog
apog
arog
brog
drog
grog
pirog
trog
mensog
tog

**OGM**

dogm

**OĜ**

doĝ
loĝ
horloĝ

**OH**

oh

**OĤ**

paroĥ

**OJ**

-oj
oj
boj
hoboj
aldhoboj
foj
ĝoj
aloj
kloj
levkoj
voj
tramvoj

**OJD**

-ojd
asterojd
korojd
hemorojd

**OJL**

gargojl
sojl

**OJN**

-ojn
fojn
kojn
pojn

**OJSTR**

ojstr

**OJT**

lojt

**OK**

ok
bilbok
bitbok
dok
fok
sufok
hok
tapiok
kok
salikok
oksikok
rokok
lok
blok
brelok
flok
aristolok
mok
hamok
epok
rok
tarok
sirok
reciprok
ŝok
artiŝok
stok
vok
provok
ezok

**OKL**

binokl
monokl
sokl

**OKR**

okr

**OKS**

boks
paradoks
ortodoks
mioks
koks
floks
ekvinoks
toks

**OKT**

dekokt
nokt
vokt

**OL**

ol
bol
amfibolo
karambol
simbol
tombol
obol
karbol
hiperbol
col
dol
kerkedol
medol
idol
pendol
gondol
maleol
karneol
tropeol
kreol
kapreol
aŭreol
alveol
fazeol
maŭzeol
skrofol
regol
tegol
algol
frangol
strangol
grandmongol
hol
alkohol
peciol
gladiol
kariol
variol
oriol
kapriol
vitriol
viol
karmanjol
kol
karakol
orakol
rubekol
artikol
arvikol
fenkol
karbunkol
kadunkol
drakunkol
ranunkol
rapunkol
ihtiokol
protokol
skol
muskol
kukol
lol
pilol
mol
bemol
tremol
primol
formol
kampanol
inol
galinol
pol
kapol
skapol
tripol
ampol
opol
monopol
popol
nekropol
metropol
kupol
lupol
rol
garol
barkarol
parol
banderol
kaserol
pirol

korol
patrol
petrol
citrol
kontrol
sol
konsol
tol
skatol
petol
kontrol
kapitol
titol
Paktol
ventol
stol
pistol
epistol
sistol
apostol
vol
tavol
frivol
ovol
izol
kamizol
benzol

OLĈ

dolĉ

OLD

kobold
fold
hold
herold
sold

OLF

golf

OLK

polk

OLM

polm

OLT

bolt
dekolt
rikolt
volt

OLV

polv
solv
absolv
volv

OM

meibom
dom
legom
zigom
hom
iom
ĉiom
idiom
kiom
neniom
aksiom
tiom
kom
dekom
abrokom
diplom
amom
nom
adenom
renom
gnom
binom
polinom
trinom
ekonom
monom
pronom
metronom
astronom
gastronom
aŭtonom
dunom
pom
cidonipom
Rom
arom
brom
drom
hipodrom
krom
atom
epitom
fantom
simptom
anastom
vom
rizom

OMB

bomb
komb
katakomb
kolomb
plomb
aplomb
romb
tromb
tomb
hekatomb

OMBR

ombr
skombr
nombr
denombr

OMJ

binomj
trinomj
polinomj

OMP

pomp
romp
tromp
stomp

ON

on
-on
Faraon
bon
abon
ebon
ambon
bombon
trombon
bumbon
bonbon
karbon
bubon
don
beladon
madon
primadon
kotiledon
mon
mastodon
pardon
ordon
kordon
akordeon
Eon
leon
hameleon
mirmeleon
fon
plafon
telefon
ĉifon
polifon
sifon
tifon
ksilofon
kolofon
mikrofon
saksofon
mahagon
dragon
vagon
poligon
argon
ĵargon
burĝon
lecion
alcion
akordion
legion
region
medalion
batalion
bilion
milion
kvadrilion
trilion
kvintilion
lampion
spion
klarion
Orion
histrion
komision
bastion
jon
krajon
kotiljon
buljon
kon
diakon
lakon
flakon
drakon
ikon
leksikon
balkon
kinkon
kokon
zirkon
balon
galon
salon
pantalon
ŝablon
melon

diakilon
pilon
pavilon
kojlon
ciklon
violon
kolon
mon
mamon
admon
demon
anemon
limon
timon
antimon
gnomon
harmon
anharmon
kanon
timpanon
Japon
kapon
depon
tripon
impon
kompon
opon
propon
dispon
kupon
baron
fanfaron
Ĥaron
makaron
maron
lazaron
dron
eskadron
kaldron
Aheron
akeron
peron
kron
mikron
spron

tron
matron
patron
citron
elektron
ĉevron
son
fason
mason
framason
unison
vison
alenson
person
Uson
muson
ton
faeton
beton
aceton
felieton
Breton
kreton
moveton
barbiton
piton
bariton
oksiton
parolsiton
kanton
menton
bonton
ponton
fronton
pepton
koton
karton
monoton
baston
boston
feston
ŝton
buton
zon
blazon

amazon
diapazon
bezon
rezon
sezon
bizon
garnizon
kanzon
ozon

**ONC**
anonc
prononc

**OND**
ond
fond
blond
mond
respond
korespond
rond
sond
tond
rotond

**ONDR**
tondr

**ONG**
long
oblong
spong
diftong

**ONGL**
jongl

**ONGR**
kongr

**ONĜ**
sonĝ

**ONJ**
-onj

**ONK**
jonk
konk
ronk
bronk

**ONKL**
onkl

**ONT**
-ont
mastodont
font
hont
kont
rakont
renkont
diskont
volont
mont
mamont
remont
almont
pont
spont
front
horizont

**ONSTR**
monstr

**ONTR**
montr

**ONZ**
bonz
bronz

**OP**
-op
miop
Etiop

perikop
sinkop
anaskop
teleskop
episkop
kalejdoskop
stereoskop
hidroskop
mikroskop
horoskop
galop
antilop
ciklop
skolop
pop
aŭrop
sirop
krop
makrop
trop
filantrop
heliotrop
alotrop
Eŭrop
hisop
top
ŝtop

**OPL**
popl
stopl

**OPF**
kropf

**OPR**
propr

**OPS**
ampelops
mops
hidrops

**OPT**
adopt

# BIBLIOGRAFIO

**FABELOJ,** Originalajo de Franjo Modrijan. 32 p.; 11,5 x 17,5 cm., Eldonis: Espero Katolika, 22, Cours Albert I, Parizo VIII. Prezo Fr. fr. 2,—. Belega infanlegajo. —Knabineto konatiĝas dum sonĝo kun ĉiuj la personoj de sia fabellibro, kiuj venis por ŝin amuzi. La rakonto estas agrabla kaj la stilo plej pura. Rekomendinda libreto.

**INTERNACIA KANTARO,** 139 popolaj kantoj el 55 landoj, 7 Esperantaj kantoj, rondkantoj kaj kantsalutoj, 3 famaj koncertarioj kolektitaj kaj tradukitaj de Paul Bennemann, membro de la Lingva Komitato. Tekstaro. 16a-20a milo. 104 pagoj 11,5x16,5 cm. Eldonis: F. Hirt & Sohn, Leipzig. 1929. Prezo: Rmk. 1.50. Ne necesas fari grandan laŭdon pri tiu bonega libreto. Plej bone pledas por ĝi la fakto, ke ĝi devis esti ree eldonata. Multaj grupoj esperantistaj ŝuldas al tiu kolekto pasigon de agrablaj kaj artoplenaj horoj. Notinde estas ke la ĵus aperinta kolekto enhavas 78 kantojn, kiuj ne troviĝas en la malnova eldono. Plenumante deziron ofte esprimitan, la kompilinto aranĝis pli multe ol antaŭe melodiojn por horo aŭ por 2-6 voĉoj. Sen iu dubo tiu nova eldono ricevos la saman akcepton ĉe la tutmonda Esperantistaro kiel la antaŭaj. Por la uzontoj de tiu bona kantaro, ni povas aldoni, ke la nova muzika eldono de ĝi aperos post kelkaj semajnoj.

**LA CIKONI-KALIFO.** de Mihaelo Babits. Romano el hungara lingvo tradukita de Karlo Bodo. Biblioteko Tutmonda N-oj 23-25. 188 paĝoj 10,5 x 17 cm. Eldonis Rudolf Mosse. Esperanto-Fako, Berlino. Prezo: Rmk. 1,50. La kolekto de Mosse prezentas al la tutmonda Esperantistaro novan valoran verkon. «La Cikoni-Kalifo» estas perlo el la hungara literaturo. Ĝi majstre pentras la aventurojn kaj turmentojn de duobliĝinta animo. La lingvo estas bela kaj flua. Dankon meritas la tradukinto, kiu ebligas nin ĝui tian verkon. Kiel ĉiuj antaŭe aperintaj kajeroj de la « Bibliotheko Tutmonda », ĉi tiu volumo estas perfekta presita kaj eldonita. Kun granda plezuro ni rekomendas la novan libron al ĉiu legema Esperantisto.

**BULTENO DE INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA** kaj de Sekcio de Teknikaj Vortaroj. N° 16, Oktobro 1929. — Enhavo: Raporto pri ĝenerala kunveno de la I. S. A. en Budapeŝto; 5a Somera Universitato; Raporto de la Direktoro de la Sekcio pri teknikaj vortaroj; Scienca Fundamenta Esperanta Terminaro; Geometrio, Trigonometrio, Analitiko, Mekaniko. — La delegito de I. S. A. en Belgujo estas S-ro C. Vandevelde, 230, Zwarteheirestraat, Gentbrugge. Li sendos informojn pri la asocio kaj pri la organo al ĉiu kiu petos de li.

**AMERIKA ESPERANTISTO** aperas de Septembro en nova vesto. Ĝi de nun estas du-monata bulteno. La nova adreso de la Esperanto-Asocio de Nord-Ameriko estas: 1591 Anderson Ave., Fort Lee, N. J.

# *PROPAGANDISTOJ !*

Ĉu vi jam uzis la bonajn propagandilojn :

**LEERBOEKJE VAN ESPERANTO**

kaj

**PREMIER MANUEL D'ESPERANTO**

la plej malmultekostan kaj plej efikan varbomaterialon.

**1 ekzemplero : Fr. 0.50**

**10 ekzempleroj : Fr. 3.50**

UZU ANKAŬ la belan broŝuron

**" L'INITIATION à L'ESPERANTO "**

de

M. ROLLET DE L'ISLE

Membro de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado

Tiu libreto enhavas plenan informaron pri la historio kaj pri la organizo de nia movado.

**Prezo : Fr. 3.50**

Mendu ĉe Belga Esperanto-Instituto

Poŝtĉeko 1689 58 ANTVERPENO